Nal. poczt. opł. rycz.

# JUNA ESPERANTISTO

INTERNACIA MONATA — JUNULARA REVUO.
OFICIALA ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTO-JUNULARA ASOCIO.

Jaro I. Marto 1933. Nr. 2.

REDAKCIO-ADMINISTRACIO: KRAKÓW, LELEWELA 9 m. 2. (POLLANDO).

| | | |
|---|---|---|
| Jarabonprezo en Pollando 4 zł. » eksterlande 2.50 sv. fr. | ĈEFREDAKTORO: EMIL MAYER. | PoŝtĉEkkonto: Kraków P. K. O. Nr. 413.944. |



Köln (Germanujo) La urbo de XXV-a Universala Kongreso de Esperanto.

## PROPAGANDU SENĈESE.

Ĉu dum la kriza tempo propagandi Esperanton, kiamaniere kaj per kiaj rimedoj? Jen la demandoj! kiuj ŝajnas sin esti je la tagordo de nuntempaj propagandistoj. Ni ĉiuj tre bone scias, ke la hodiaŭaj tempoj estas tiel malvoraj por Esperanto. La doganaj muroj, la naciaj malharmonioj, la granda mondkrizo kies fino ne estas videbla, ĉio malhelpas la efektivigon de nia genia ideo Oni devas vole, nevole konstati, ke esperanto malgraŭ la multaj kontraŭuloj pli kaj pli disvatiĝas.

La propagandon de Esperanto, ni ne nur gvidu, sed ĵuste pro la nuntempa krizo, ni devas ĝin kontinui, ĉar des pli estus danĝere ĉesadi en sistematika kaj racia propagand-laboro, ol eĉ fari ĝin grandega. Kiam senkompata, la financa krizo frapis ankaŭ nin, ĉu ni devas ĉesigi laboron, kiun ni gvidis dum la kelkdek-jara tempo — kion fari ĉiuj demandos, jen respondo:

Varbu novajn membrojn por nia afero, kunigu ilin. Nenian forgesu, ke nur kuniĝo de kluboj en asocio povas alporti kumunan bonon al nia movado. Ni memoru ĉiam, ke la organizo povas fari laboron, kiun ne kapablas sola persono. Instigu dormemaj kluboj, rondoj al fervora kaj duobla laboro por nia ideo, ni eltenu je niaj postenoj. Ni la junularo timas nin nenion, ni tenos alte la verdan standaron ĝis efektivigo de nia alta celo. Sendube ni venkos eĉ la nunan ekonomian krizon se ni unuiĝos.

Via devo estos helpi laŭeble, vian organon, ligilon de tutmonda junularo per daŭra abono, instigante al aliaj fari same, per aĉeto de esp. librojn k. t. p.

Ĉiu do prudenta donaco destinita por esp. propagando estas la elspezo sublima kaj pro tio ni ne flakelasu ĝin, ĉesigu aŭ limigu eĉ en nunaj krizaj tempoj. Ni gvidu do ĝiscelan kaj daŭran propagandon!

Nia devo stas gvidi fortan propagandon, enkonduki Esperanton en radio, en lernejoj komencante de normalaj ĝis akademiaj. profesiaj, kursoj k t. p.

Ankaŭ estas tre grava, ke ni instruigu junan generacion por ke ĝi estu taŭga por esp. propagando.

Al la kunlaboro por prospero de Esperanto en la lando, devas labori aŭtoritatuloj, sed eĉ ne aŭtoritataj personoj povas multon helpi por propagando, pere de siaj vojaĝprelegoj, k. t. p.

Ni ne forgesu ankaŭ pri la granda rolo, kiun devus fari en esp. propagando:

Esperanta Instituto,
Lokaj esp. societoj, kluboj, rondoj kaj eĉ izoluloj.

Devas esti iu, kiu tenas la manon sur pulso de ĉi-tiu entrepreno, kaj ĝin povas gvidi la «Propaganda Komitato«.

E. Mo.

## AVERTO.

Ni ne povas valorigi la enpagitajn kotizojn por „Juna Samideano“, nek sendotajn monojn al poŝtĉekkonto de antaŭa eldoninto.

Bonvolu do ĉiujn abonkotizojn direktigi al nova adreso „Juna Esperantisto“ Kraków, Lelewela 9 m. 2. Por poloj plej oportuna pagmaniero estas pere de nia poŝtkonto, Kraków P. K. O. 413.944.

Eldonejo de Juna Esperantisto.

## Kiel ni faru niajn grupvesperojn pli allogaj?

1. En la klubo ne nur parolu naciiingve. Memoru, ke vi estas ano de Esperanta klubo. Ne tro timu pro komencaj eraroj, helpemaj kolegoj korektos vin.

2. Dum certa duonhoro, kiun oni distinis por nur Esperanta konversacio, pli novaj anoj punpagu pro ĉiu nacilingva frazo (aŭ vorto) 1 moneron en la grupkason, malnovuloj eĉ dekoble.

3. Eĉ Zamenhof ne parolis esperante kiel suĉinfano. Do ne devigu la novulojn babili nur esperante dum la tuta vespero. Sed dum duonhoreto uzu ankaŭ la nacian lingvon, precipe por klarigi gramatikaĵojn.

4. Evitu ofendi la riligian, aŭ politikan senton de viaj samklubanoj. Aranĝu prov-tradukadon: unu laŭtlegu esperante, alia traduku nacilingve. Tiel vi spertiĝos kaj facile povos poste interpreti ankaŭ alilandanon.

5. Elektu per lotumo (aŭ laŭ alfabeta nomlisto) grupan (in) on. Tiu parolu dum kvin minutoj pri »virinaj ĉas-ĉapetoj« aŭ alia temo. Poste ĉio ano diru sian opinion dum unu minuto (en Esp.)

6. Petu informojn de estonnj samideanoj pri »viva gazeto«. Ĉiun »artikolon« prezentu alia klubano. Aŭskultu Esperantajn gramofon-diskojn. Bonan elparolon oni povas lerni ankaŭ per Radio.

7. Korespondadu kun alilandanoj! Se vi ricevis tro da poŝtkartoj el Japanujo, ne pendigu ilin sur la muron, antaŭ ol vi prirespondis ilin. La superfluajn kartojn ne ĵetu en fornon, sed transdonu al pli skribema samideano.

8. Kantu Esperante. (Kanti ne signifas imiti la katojn).

9. Ludu Esparante. La klubestro diru iun radikon kaj la klubanoj vet-verku dum 5 minutoj kiom eble multaj vortojn kun la sama radiko. Aŭ oni verku longan liston da malegalaj radikoj. sed kun egala komenciteroj. La gvidanto diras la komencan literon kaj kontrolas per horloĝo la minutojn.

10. Eble la anoj timas sin prezenti antaŭ publiko. Do instigu ilin prezenti radio-teatraĵon malantaŭ hispana muro.

El Esperanto-Tindingen, Svedujo (Tiberio Morariu.)

## Alvoko al la junularo.

Junularo, vin ni alvokas! Centoj kaj centoj da junuloj lernis nian lingvon, entuziasmiĝis, kaj promesis fariĝi esperantistoj en plena senco del'vorto. Sed kie ili restas? Kie restas la multaj junuloj kaj junulinoj, kiuj sekvis dum la lastaj jaroj, la kursojn de Andreo? Ili malaperas kaj malfacili estas ilin regajni al nia afero. La kaŭzo de tiu ĉi malpero estas simpla. Mankas organizo, kiu simile al UEA, centrigas kaj konseyas tiujn adeptojn. kaj per reciproka servado ilin interesigas daŭre al nia bela lingvo. Jes, ekzistis antaŭe Junula Asocio, gvidita de junuloj entuziasmoplenaj. Sed la junuloj iĝis plenkreskaj kaj mankis la nova sango refreŝiganta la korpon. Kion fari? Necesas ankaŭ alkonduki al nia movado junulojn, kiuj poste je granda parto aliĝas al la aliaj societoj. Tion ekkonis kelkaj samideanoj, junuloj kaj plenaĝuloj kaj ili decidis regrupigi la perdiĝintan anaron kaj ĉefe regajni la novan. Mallonge, la subskribinta nova komitato de la Tutmonda Esperanto-Junulara Asocio konscias ke necesas urĝe organizi tiun junularon. Gi turnas sin al vi, esperantistaj junuloj kaj junulamikaj.

La komitato decidis energie repreni la gvidadon de la Asocio, starigante ĝin sur tute novan bazon. Ni turnas nin al vi por ke vi afable helpu nin je tiu ĉi laboro, sendante al ni adresojn de junuloj esperantistaj (ĝis 20 jar-aĝaj) kiuj lernis la lingvon kaj kiuj estus pretaj partopreni nian klopodadon. Se vi mem interesiĝas al tiu-ĉi laboro. afable turnu vin al ni kaj ni dankegas vin por ebla kunhelpo.

Dro W. Perrenoud, Prezidanto de TEJA

## AL ĈIUJ NIAJ AMIKOJ!

Redakcio estas dankema se en ĉiu loko, kie estas junular - rondo, elekti korespondanton por la gazeto kaj tiu koresp. sciigu nin pri la statmovado de sia loko.

Memoru ke, materialon ni akceptas ĝis 15-a de ĉiu monato. La gazeten ni ekspedas 25 - an.

Ne ĉagreniĝu, se de vi ensenditaj artikoloj ne aperas en ĉi - tiu numero! Ni ricevis tiom da materialo, ke eĉ ne la duonon ni povis disponigi. Se eble ili tamen iam aperos.

Multaj demandas kiamaniere sendi abonkotizon por Juna Esperantisto, jen ni respondas. Abonprezoj de J. E. bonvolu ĉiam sendi rekten al nia eldonejo. Por poloj plej oportuna pagmaniero estas pere de nia poŝtĉekkonto P. K. O. 413. 944. La eldonejo akceptas poŝtmandatojn polajn poŝtmarkojn, internaciajn respondkuponojn aĉeteblaj ĉe ĉiu via - landa poŝtejo aŭ respondkuponoj de (U E. A.) Universala Esperanto Asocio, kiuj vi povas aĉeti ĉe via landa (loka) delegito de U. E. A. kaj egalvaloron sendu al ni en ordinara letero, se la monsumo ne superas 3 s. fr. (0·50 uso na dolaro).

Ankaŭ vi povas sendi vialandan — paperan mon non, mi akceptas ankaŭ pagojn por duona jaro aŭ kel kaj jaroj. Donacoj por la subtena kaso estas invitataj

Krom la Eldonejo de J. E. abonperas:

Centra Oficejo de T. E. J. A. Scheibenackerstr. 6. St. Gallen (Svislando), kaj ĉefdelegitoj de T. E. J. A (Legn Teja — parton).

Red. — Adm-

## AL NIAJ HUNGARAJ ABONANTOJ.

Bone notu, ke de nun abonperas por J. E. S-ro Paulo Balkanyi, Budapest 507. Bonvolu, do al li sendi mo non de viaj abonoj.

## Helpa pres-kapitalo.

Nian preskapitalon subvenciis:

| | | |
|---|---|---|
| S-ro Inĝ. P. Tarnow (Germanujo) | — 50 | sv. fr. |
| S-ro Jaroszek W. (Pollando) | — 50 | zł. |
| S-ro Laffite E. (Francujo) | 10 — | fr. fr. |
| S-ro Kowalski A. (Pollando) | 3 — | |
| S-ro Minowicz J. (Pollando) | 2 50 | zł. |
| Asocio »Templanoj« [Plock, Pollando, | 5 | zł. |

# Tutmonda Esperanto-Junularo Asocio

Prezidanto: D-ro William Perrenoud.
Centra oficejo: Rudolf Kutzli, Scheibenackerstr. 6, St. Gallen
SVISLANDO.

# Regularo.

I) Ĉefdelegitoj: 1) La ĉefdelegito reprezentas la asocion en sia lando kaj la sia landan membraron ĉe la Centra Oficejo Li administras, propagandas kaj gvidas la TEJA - movadon en sia lando. Li estas respondeca por la movado en sia lando.

2 La Ĉefdel. rajtas nomi kelkajn helpantojn: krom unu vic - ĉefdelegito ili ne povas havi konstitucian povon. Se la cirkonstancoj permesas, la ĉefdel rajtas organizi nacian societon de TEJA, kies regularo devas esti aprobata de la Centra komitato.

3) La ĉefdel. elektas kaj konfirmas la regionajn kaj lokajn delegitojn en sia lando kaj restu en konstanta kontakto kun ili Li estas la liganto inter la landa delegitaro kaj la Centra Oficejo. Li klopodu, ke almenaŭ en la gravaj urboj de la lando ekzistu lokaj delegitoj.

4) La ĉefdel. devas regule, almenaŭ je ĉiu printempo kaj aŭtuno, detale raporti al la Centra Komitato pri gravaj okazintaĵoj kaj stato de TEJA en sia lando.

5) La ĉefdel. kolektas la jarkotizojn de la membroj kaj kvitancas per membro-karto. Li sendas regule la kotizojn al la Centra Oficejo, sed rajtas reteni por si maksimume 10% de la kotizoj.

6) Pri gravaj aferoj de la tuta asocio oni voĉdonigas la ĉefdelegitaron.

7) La Centra Komitato ĉiukaze rezervas al si la rajton pri konsento je la decidoj de la ĉefdelegitoj.

II. Regionaj delegitoj: La regionaj delegitoj helpas al la ĉefpelegitoj kaj agadas sub la gvido de la ĉefdel. en sia distrikto. Ili estas laŭbezone elektataj de la ĉefdelegito.

III. Lokaj delegitoj: 1) La loka delegito reprezentas la asocion en la koncerna loko kaj la lokan membraron ĉe la ĉefdelegito.

2) La loka delegito propagandas TEJA-on inter la loka esperantistaro, kolektas la kotizojn kaj sendu ilin al la ĉefdelegito, varbas membrojn kaj abonantojn, raportas regule al la ĉefdelegito, laŭ ties instrukcio kaj helpas per inform-servoj ktp al ĉiu TEJA-ano.

3) La loka delegito estas elektata kaj informata pri ĉio koncernante sian oficon de la ĉefdelegito. Li rajtas rifuzi aliĝojn.

4) La loka del. nepre devas respondi, se oni almetas respond-pagilon.

IV. Diversaĵoj: 1) La delegiteco estas honora ofico ) ĉiu delegito devas esti membro-abonanto de TEJA. 3) Eventualajn plendojn ĉiuspecajn oni sendu sekte al la Centra Oficejo.

St. Gallen, Februaro 1933.

La Prezidanto: Dro. W. Perrenoud.
La direktoro: Th. Kutzli.

---

**Tre estimataj delegitoj!**

**Aperis nova regularo por delegitoj. Ĝi estu bona kaj preciza fundamento por efika estonta laboro. Denove ni kore alvokas vin ĉiuj, ke vi vigle laboru por** nia bona afero kaj precipe varbu membrojn kaj membro-abonantojn La kotizo por membro estas sv. fr. 1.50 por membro-abonanto sv. fr. 3.50. Bonvolu kolekti la kotizojn plej baldaŭ kaj sendi ilin al la ĉefdeligito, en lando, kie ne estas ĉefdelegito, rekte al la Centra Oficejo. Provnumerojn de »Juna Esperantisto» postulu de la administracio de J. E en Kraków.

---

**Demandaro al junularaj grupoj**

Por starigi modelon por statutoj kaj organizo de esperantistoj junularaj grupoj, ni petas vin, bonvole respondi la jenajn demandojn al la Centra Oficejo:

1) Kia estas via organizo ? Statutoj ktp.
2) Ĉu vi estas memstara aŭ dependa? De kiu?
3) Kion vi faras en viaj kunvenoj?
4) Kia estas la kotizo de via grupo po membro?
5) Kiom da membroj vi havas?
6) Ĉu vi havas progran bibliotekon?
7) Rakontu ion pri via grupa vivo.

La rezulto de tiu-ĉi enketo estos publikata.

---

**Leterkesto**: Ni intencas starigi propran leterkeston Ĝi servu por klarigi al junuloj ĉiuspecajn demandojn kaj problemojn. Demando kaj respondo estos publikata tie-ĉi. Ni alvokas urĝe al vigla partopreno.

---

## SCIGOJ DE LA CENTRA OFICEJO

### Novaj delegitoj.

Ĉefdelegitoj. Ĉ. S. R. Bratislava, Al. Csàder Zamoĉnicke ul. 8.

Irland: Mound Eden. Dro, Fra Mc. Cornik.

Ned. Indie. Lavang. S-ro Ko-York-Siang.

Pollando. Kraków, Alfons Kożuch Pędzichów 20. II. p.

Regionaj delegitoj. Sud-Germ.-Karlsruhe D. D. Fridrich elfers, Postschlissfach 165.

Lokajdelegitoj. Ĉ. S R. Koŝice, Arved. Grebert, studento. Domobranecka 23.

Estonio. Türi. Aleksander Loring S. Pärnu L 48.

Germanujo Leipzig N. 23, A. Neupert Wedellstr. 17.

Germ. Friedland Bez Breslau, Max Reichelt.

Svisujo Zürich 6. Artur Baur Herrenbergstr. 5.

---

Sendu Tuj Vian Aliĝon al la ĉefdelegiton aŭ al C. O.!

**Bonvolu postuli de viaj subdelegitoj regulajn raportojn pri ilia agado.**

**Pri adresŝanĝoj bonvolu baldŭ sciigi la C. O.**

**Al ĉiuj demandoj al la Centra Oficejo bonvolu kunmeti respondpagilon!**

# TRA ESPERANTUJO.

## JUBILEA KONGRESO

La venonta Universala Kongreso, la 25-a, la Jubilea Kongreso de Esperanto, okazos nunjare en Köln (Germanio) de 29 de julio ĝis 5 aŭgusto. La urbestraro fervore subtenas la preparojn por la kongreso. Invitanto de la kongreso estas Ĉefurbestro D-ro Konrad Adenauer. La Prezidantecon de Loka Kongresa Komitato (Lokoko) akceptis unu el la urbestroj de Kolonio, S-ro Bönner. Nombro de aliĝintoj estas ĝis nun ĉirkaŭ 500.

La favorkotizo (18 RM anstataŭ 20 -) estas por tiuj, kiuj aliĝos antaŭ aprilo 1933. (L. K. K. Trajanstrasse Köln (Germanio).

Kaplano Wachovski ĉe la preĝejo S-ta Andreo en Köln, kiu jam de multaj jaroj prenas konfesojn en Esperanto deklaris sin preta, dum la 25 — a Univer-Kongreso fari katolikan diservon kaj prediki en Esperanto.

La Banurbo Bad Neuenahr projektas nomi placon en la urbo laŭ D-ro Zamenhof, se dum la 25-a U. K. oni ekskursos tien por inaŭguri la placon.

Okaze de la Jubilea Kongreso en Köln la Kristana Esperantista Ligo Internacia, aranĝos specialan kunvenon; Informojn donos K. E. L. I. Pölkenstr. 4. Qvuedlinburg (Germanio).

## PROPAGANDAS ESPERANTON en POLLANDO.

S-ro Kola Ajayi la fama kantisto kaj negra komponisto invitata de polaj lokaj esp. societoj prelegas kun granda intereso ĉe plen-plenaj salonoj da publiko. Vekas interesemon ne nur esperantistoj sed ankaŭ de scivolema loka loĝantaro. La temo de liaj prelegoj estas: »Afriko mia suna, nigra patrujo«, kun multaj kaj tre interesaj lumbildoj. Prelegas tre scivole kaj interese en esp. lingvo. Liaj paroladoj estas tradukitaj pole, pro tio ili estas taŭgaj por vasta publiko. Jen en sia parolado diras »Vi eŭropanoj rigardante je ni negroj, vi pensas ke ni estas djabloj ĉar ĉe vi, djablo estas nigra, sed kredu al mi, ĉe ni en Afriko, djablo estas juste blanka« Je fino de siaj prelegoj kantas ĉe akompano de tamburo, negraj kantojn. Tiuj ĉi prelegoj okazis en Warszawa, Kraków, Wilno. En lokaj ĵurnaloj oni raportis pri »negra esperantisto» kaj kelkaj eĉ interviuis kun nia samideano. (Gratulon! ĝi estas vere tre taŭga propagando de esperanto dum la nuna tempo.) Red.

---

S-ro Imre Ungar (Budapestano) 23 — jara blinda samideano, la mondfama fortepianisto revenante de siaj sukcesplenaj koncertoj de diversaj eŭropaj landoj (lasttempe de Stokholm) Svedujo alvenis Krakovon, kie koncertis 15 — an de februaro en »Malnova Teatro» en unu el plej granda musiksalonego de Kraków. S-ro Ungar estas perfekta esperantisto kaj ĉiuloke volonte interparolas esperante. Verdirante la esperanto multe helpas al li en la vojaĝoj, ĉar ĉie esperantistoj helpas al li.

## SPORTO kaj ESPERANTO.

Oni raportas, ke ĉe la nunjara Spartakiado en Moskvo oni faros la komandvortojn nur en esperanto. Oni atendas 120.000 vizitantojn. Leningrada konsilantaro de Korpkulturo aranĝas Esperantan kurson por 600 sportuloj: Mokvo faras simile — Soveta Esperanta. Unio preparas vortaron da sport — terminoj.

## POLICO kaj ESPERANTO.

50 policanoj nun lernas Esperanton en polica kurso en Prago. Internacia Polico Ligo preparas raporton faktoplenan pri Esperanto en policaj rondoj. La raporto estos havebla kontraŭ respondkupono. Intertempe oni petas, ke policanoj kaj membroj de sekurecaj servoj sendu ĉiun pelpan informon rekte al Policinspektisto Schw rz, 10 rue Engelhardt, Strasbourg, Francujo

Policprezidantejo de Wien sendis jenan leteron al Internacia Esperanto Muzeo;

»Mi havas la honoron informi vin, ke mi volonte estas preta, daŭrigi la tradiciajn bonajn interrilatojn inter polico kaj la esp. — movado kaj doni al ĉi tiu por la internacia interkompreniĝo tiel grava movado ĉiun eblan akcelon en la kadro de mia ofico«.

Dr. Brandt.

## ESPERANTO GAZETARA INFORM-SERVO.

En postsigno de jam ekzistantaj E. G. I. S. en diversaj landoj kiel en Svedujo, Hollando, Hinlando, U. S. S. R., k. t. p. fondiĝis lastempe Pres-Serva Fako en Pollando (Warszawa, Widok 19) dank al' Estraro de »Pola Esperanto — Asocio.« Ĝia celo estas disvastigado de Esperanto per gazetara informado pri esp. movado. (Petu esp. prospekton de Pola Pres-Serva Fako).

## ESPERANTO en RADIO

Radiostacioj Warszawa kaj Kraków okazigas radioparoladojn esperantlingvajn ragule ĉiun duan merkredon de ĉiu monato je la 22 h/ 40 ĝis 22 /h 55 m. Aŭskultu regule kaj sendu gratulleterojn al »Polskie Radio» Warszawa aŭ Kraków. (Pollando)

En Estonio oni disaŭdigas ĉiumonate antaŭlasta dimanĉo duanhoran paroladon en Esp. Aŭskultu 19 — an de marto paroladon de d-ro Hans Kruris pri »Estona lingvo«, 23-an de aprilo pri »Komerco kaj industrio».

En Nov-Zelando dissendas E-ton du stacioj nome 3 YA (Christchwisch) kaj 1 ZR. (Auckland)

## ESPERANTO en TURISMO.

Esperanta turista komisiono en Estonio per sia energia kaj saĝa agado sukcesis konvinki la estonajn aŭtoritatojn pri la praktika utilo de Esperanto. Montras ankaŭ tio, ke la granda Estona Kantista Ligo, kiu aranĝas la X-an jubilean kantfeston en Tallinn la 23 — 25 de junio 1933, decidis por la eksterlanda propagando kaj reklamo de kantfesto, vaste uzi Esperanton

E. T. K eldonis lasttempe tutan serion da belaj sigelmarkoj pri vidindaĵoj en Estonio. La Centra Organizo por turismo ĉe la ministerio de trafiko aprobis kaj rekomendis ilin por ĝenerala uzo kaj poŝta administracio permesis ilian vendadon en la poŝtkontoroj de la lando.

Hispanio. — La ministro de Publika instruado promesis per la j. 1933. pligrandigi la subvencion al Hispana Esp. — Asocio je pliaj 5 000 pesetoj. La sumo estos elspezota, por plialtigi la instruadon de Esp. Oni elektos el ĉiuj dezirantoj 60 geinstruistojn, kiuj lernos de januaro ĝis majo La dek plej sukcesaj ricevos monpremion — 400 pesetoj — krome kongreskarton por Köln. La premitoj estos devigataj instrui E — ton komence de la lernojaro 1933/4.

# El la junulara vivo.

## ESPERANTO EN LA PRAKTIKO.

Multaj lernas esperanton por ke ĝin scii, sed bona esperantisto lernas la mondlingvon por ĝin praktike uzi.

Esperanta junularo lerneja en Sosnowiec—Pollando decidis per esperanto ekkoni artpentradon de diversaj landoj. Speciale elektita komitato invitis tutmondan esperantistaron al la kreado de »Ekspozicio de l'Monda Artpentrado«.

Post kelkaj monatoj venis el la mondo multe da reproduktaĵoj de plej famaj bildoj, kaj por ne bagateligi tutan laboron oni devis bazigi la entreprenon sur la financa fundamento.

La tutan taskon transprenis komitatanoj geedzoj Helenio kaj Bol. Czechowski. Jam dufoje EMA estis publikigita. Dum Univ. Kongreso en Krakovo 1931 j. multaj kongresanoj ĝuis komparon de diverslanda artpentrado, duafoje okazis same multaj laŭdoj dum esp. kongreso pola en Lublin 1932 j. Nun EMA estas preparata por migrado tra Pollando, povante jam montri al publiko 850 bildojn el 44 landoj.

Ĉiulandaj artkomitatoj kun muzeoestroj kritikas artvaloron de la bildoj kaj vigle preparas muzeajn katalogojn por EMA. Dank'al esperanto kaj servema esperantistaro tiu-ĉi monda galerio fariĝas instruilo pri arto tre utila por lerneja junularo, vasta puliko kaj por artistoj.

Travojaĝinte Pollanda EMA migros dum 5 jaroj t a aliaj landoj konigante ilin kun pola artpentrado.

## MINISTERIO DE LA KULTOJ & DE LA PUBLIKA INSTRUADO HELENA RESPUBLIKO

*sendis jenan cirkuleron pri la instruado de la lingvo internacia »Esperanto«.*

Al

S-roj Generalaj Inspektoroj de la Lernejoj, Direktoroj de la Instruistaj Lernejoj kaj de la Altlernejoj de la Mezgrada Instruado.

Rememorigante nian Cirkuleron sub Nro 63896 de la 7a de Septembro 1931 pri la Instruado de la Lingvo Internacia Esperanto al la lernantoj de la Gimnazioj, de la Instruistaj Lernejoj kaj de la Altlernejoj de la Mezgrada Instruado de la Ŝtato, ni petas ke vi faciligu ĉiamaniere tiun ĉi instruadon, kiun akceptis fari senprofite Diplomitoj de la Esperantista Akademio por la Helena Respubliko. Estas oportune ke Sinjoroj Direktoroj de la Lernejoj klarigu la lokon, kiun atingis en la nuntempa civilizacio tiu ĉi Lingvo kaj ĝian altan celon, kaj ili rekomendu al la Lernantoj ke ili sekvu akurate kun amo kaj intereso la instruatajn kursojn je horoj dum kiuj ili estas liberaj.

La Ministro P. Petridis.

## ESPERANTO-LEKTORATO.

En la krakova Jagellona Universitato (Pollando) depost januaro 1933 estas renovigata esperanto-lektorato. La instruado okazas merkrede je 6-7 h., ĵaŭde je 7-8h.

Hamar (Norvegio). F-ino studentino Magnhild Norheim nun gvidas kurson por 30 infanoj en la popola lernejo. S-ro d-ro Fischer instruis Esperanton al infanoj kaj skoltoj.

Lilleström (Norvegio). S-ro Stjernesund gvidas nun kurson por infanoj.

Nederlando. La plej grava instruista organizo ĉe elementaj lernejoj — Asocio de Nederlandaj Instruisto — kongresis en la fino de l'pasinta jaro, kaj decidis akceli, ke Esperanto estu akceptata en la instruleĝo kiel nedeviga fako por la sepa klaso de la elementaj lernejoj. La kongreso petis la instruministron oficiaiigi la Esp. ekzamenojn.

*Brazilio — Rio Grande do Sul.* En »Candelaria«, prof. Vile E. Kronbauer, direktoro de lerneja grupo malfermis kurson de Esperanto

*Jugoslavio — Zagreb* Dank'al loka Studenta Esp. klubo multaj artikoloj aperis en la naciaj gazetoj. Ankaŭ oni sukcesis enkonduki esp. prelegojn en radio. Dum 1932 j. estis aranĝitaj 12 radio-prelegoj pri Esp. kaj Esperantismo Nuntempe la radio prelegoj estas daŭrigataj ĉiun duan sabaton de la 18.30 gis 18.45 h

*Pollando — Warszawa.* Studenta esp. Rondo aranĝis ekspozicion de esperantaĵoj. Imitinda ekzemplo por esp. propagando por veki interesemon de la loka loĝantaro.

*Bydgoszcz* En ŝtata gimnazio s-ro prof. Sygnarski gvidas esp. kurson por junularo. [Imitinda ekzemplo jen eble sola gimnazio ĝis nun en Pollando, kie oni gvidas oficiale esp kursojn). Red.

*Estonio — Saadjärve.* Laŭ peto de la tartua lerneja administracio la klerministrejo permesis al s-ano J. Muska daŭrigi la instruadon de Esp. en sia lernejo

*Viljandi.* Dum la lastaj monatoj oni rimarkis grandan intereson rilate al. esp. en la loka junularo, kiun kaŭzas la tri Esp. kursoj nuntempe funkciantaj ĉe la lokaj gimnaziaj kaj ĉe la junulara organizaĵo »Noored kotkad«.

*Svedujo — Kvarnsveden.* Popolinstruisto s-ro Wadfors instruis al popollernejaj infanoj esperanton dum la vintra sezono. La intereso por la lingvo kreskas. Nune oni fondis klubon.

*Kraków* (Pollando). Loka Esp. junular-movado lastempe multe pliviglîĝis.

*Hamar.* (Norvegujo.)— Pro invito de la lernerja inspektoro D ro FiŜer, oni malfermis esperanto-kursojn, laŭ ĉe metodo por 400 gelernantoj el la unuagradaj lernejoj. Post nelonge la infanoj jam estas povintaj kuraĝe respondadi en esperanto.

*Drezden* (Germanujo). Laŭ raporto de la Esperanto-societo, inter la alia, oni konstatis, ke dum la jaro la lingvo Esperanto estas enkondukita en ankoraŭ ok (8) elementajn lernojojn en la urbo Drezden.

*Olomuniec.* (ĉeĥoslovakujo). Du kursoj estas en la Komerca Akademio. Alia kurso en la privata lernejo. En la kvartalo Povel kaj aliaj lokoj ankaŭ novaj Esperanto-kursoj.

*Parizo.* (Francujo). En la speciala lernejo pri flugado per aeroplano oni disdonis premiojn al la plej bone sukcesintaj lernantoj en Esperanto. Dum la disdone de la premioj estis ĉeestinta la sendito de la ministro pri la teknika instruado — S-ro Odiey La ĉefo de la lernejo estas substrekinta en sia parolado la grandan utilon, kiun portas la lerno de la lingvo Esperanto al liaj lernantoj!

*Esperanto-grupoj junularaj!* Skribu al ni pri via kluba vivo! Kiel vi aranĝas viajn vesperojn? Kievi propagandas Esperanton inter la junularo? Kiel vi varbas novajn membrojn? Ni skribos al vi de niai spertoj kaj projektoj. Ni atendas scivoleme viajn leterojn. Esperanto Junulara-grupo »Verda Stelo« Scheibenackerstr. 6, St. Ga en. Svis'

# Pacifista „PACO" Parto.

## KORTUŜIĜU, HO HOMARO ...

(Moralaj torturoj de Zamenhof dum mondmilito.)

Ektondras kanonoj kun bruo infera ;
Kor' Lia premiĝas kun vok' senespera
Kaj larmoj ekbrilos en lia okulo,
Li ploras korŝire, ho malfeliĉulo !

Ekaŭdas Li ĝemojn .. Brust' Lia skuiĝas
Kaj plendo malforta sekrete eliĝas
Jen koron trapikas glav' de la ĉagreno !
Sveladas terura konstante la spleno !

Ho kia doloro. ho kia turmento
Stelume eniras Lin kiel serpento,
Infektas animon per forta veneno
Kaj mordas senfine ĝin kiel hieno !

Ĉu ĉiam infera, milita falango
La morton senfine dissemos ?
Ĉu ĉiam torente sin verŝos la sango
Kaj gentoj en jugoj plorĝemos ?

Cz. Dyja

## ĈU ĈE LA SOJLO DE NOVA MONDMILITO?

La tuta monda estas simila nuntempe al montsupro plenplena da neĝo. Neniu dovas scii, kiam ruliĝos teren la lavango kaj pereigos ĉiun vivan ekzistaĵon. Pri militoj samtempe daŭrantaj en la vasta mondo — estas eĉ por la alkutimiĝinta al malagrablaj aferoj (Ligo de Nacio) eĉ tro multe.

En malproksima oriento Japan-Hina, en sud ameriko Bolivia-Paragvaj kaj Kolumbia Peruvia.

La unuan militon okupas sin Ligoj de Nacioj jam depost 17-monatoj dumdaŭre Japanujo ekokupis Manĝurion kaj preparis de tie bone preparitan elirbatalpunkton je duan laŭvice ĥinan-provincion—Jehol, kiun lasttempe batalvenkis. La dua milito daŭras je la dezerta teritorio Gran Chaco. La tria inter du respublikoj Kolumbio kaj Peruvio daŭras en la arbaregoj de supra parto de [Rivero] Amazonko. apud l m vilaĝeto Leticio. kiu donas al Kolumbio elirvojon trans Ameriko al Pacifiko.

La unika perfekta Ligo de Nacioj, faras kion ĝi nur povas tamen divesaj malfacilaĵoj, malheipas al ĝia normala funkciado. Tuta mondo estas kiel barelo plenplena da dinamito, kie mankas nur la fajrero kaj ĉia kaj ĉio eksplodos. Tamen ni ne estu maltrankvilaj — daŭre portu torĉon de l'paco kaj des pli fervore disvastigu nian altan pacifistan ideon.

Ni ne alpermesu ke vere la dua mondmilito-venena forperen homaron. Ni ja ne estas la milit-viando! Nur en la paccirkonstancaj la homar-vivkondiĉoj plibonigos. Tial ni laŭte voku : Ni deziras pacon ne militon!

## RESUMO DE LA ĈEFAJ PUNKTOJ DE LA ĴAMBOREA REGULARO.



**Gödöllö. Loko de la venonta mondskoltendaro 1933.**

*PARTOPRENO*: Por la ŝtatoj estas limigita la nombro-interkonsente kun la londona skolta oficejo.
Suba aĝo de partoprenantoj 14-a jaro.
La II.-an skotprovon devas ĉiu partoprenanto jam antaŭe fari
En la gast-tendaro la aĝo de la skoltoj ne estas limigita. tie povas partopreni skoltoj-ekster la propra nacia skoltaro-ankaŭ por pli mallonga tempo. (Tie povas partopreni skoltoj de en londona skolta kontoro neregistritaj skoltoj asocioj kaj trupoj.]
Simila aranĝo estos por la skoltinoj.]
La definitiva enkadrigo de la eksterlandanoj okazos nur en majo 1933...
La grandnombre venotaj eksterlandaj skolt-asocioj estos en 525 kaj 700 personaj partoj disigitaj en plurajn subtendaroj.
*KOSTO*: Partoprena kosto por eksterlandoj por 14 tagoj estas 60 oraj pengoj, kies sumo enhavas nutradon, hejt-lignon, veturprezon de Budapesta kaj provinca ekskurso, la nutradon dum la ekskursoj, enirprezojn, insignon kaj ĵamborean poŝlibron.
*EKIPAĜO* : La partoprenanto devas havi laŭregulan tendarekipaĝon [vestaĵon kaj ilaron.] La rotoj kaj ŝvarmoj devas tion kunporti, kio estas necesa por memstara konstruo de sia tendaro.
*ACETEBLAJ*: En la tendaro malgrandaj flagbastonoj, kejloj, lignaĵoj, metalfadenoj, najloj, barila kaj pordega-materjalo. Oni povos lui: pajlosakon, kovrilon, sitelon.
*NUTRADO*; La nutrado estos disdonota po 35 personoj La peton de eksterlandaj skoltoj, se ili deziras alian nutraĵon, ol la disdonata, oni laŭeble plenumos. Trifoja ĉefa nutrado-disdono por matenmanĝo, tagmanĝo kaj vespermanĝo.
Solaj gvidantoj povos manĝi en la manĝejo de la negoc-urbo de la tendaro.
*REGULOJ*; Ĉiu trupo ricevos 500 $m^2$ teritorion. Krom la tendoj estas *deviga* la pordego kun subskribo, flag-kolono, [masto] malpuraĵ-fosaĵo,. La necesajn ilojn oni devas kunporti ! En la negoc-urbo estos ligno kaj fervendejo. Apud ĉiu eksterlanda trupo estos hungara trupo por *laŭnecese en ĉio helpi al sia najbaro* !
La kunporto de hundoj kaj aliaj bestoj ne estas permesata. *Ne* estas permesata peti aŭtogramojn ! Biciklojn povas nur la deĵorantaj senditoj uzi! La trumpetado estas malpermesata. La muzikaro povas provi nur kun antaŭa permeso de la tendarsubestraro. Leviĝ-kaj

# Skolta Esperanto-Movado.

## ĈU NI DEVAS ATENDI PLI BONAN OKAZON OL ĜI ESTAS NUN POR ENKONDUKI ESPERANTON EN LOKA SKOLTARO?

Laŭ decido de lasta Skolt-Konferenco, okazinta ĉe Wien, la venonta internacia ĵamboreo okazos en apud Budapest en Gödöllö. (Hungarujo) — Oni atendas 30'000 da skoltoj el ĉiuj paroj de la mondo. Ni legas en hungaraj skottaj gazetoj, ke Esperanto funkcios dum ĵamboreo kiel helplingvo ĉe gvidado de fremdaj skoltoj. Oni jam eldonis ĵamborean vortaron kvinlingvan kiu enhavas ankaŭ esperanto — vortojn. Espereble ĉiuj skoltoj ricevos ĉe la ĵamboreo tiun ĉi 300 vortan vortaron kaj vidos, ke Esperanto estas egalrajta al aliaj lingvoj. En Norvegujo, Belgujo, Anglujo Hungarujo k. t. p. multaj skoltoj partoprenas en antaŭĵamborea kursoj de Esperanto.

Gis nun Esperanto ne estas grava inter skoltaro kaj certe la angla lingvo estas plej multe uzata. Sed jam estas grandega paŝo, se almenaŭ kelkaj ŝtatoj sendos skoltojn scipovantajn Esperanton. Eĉ se nur triono el ili finlernos, estos grava demonstracio dum ĵamboreo.

### INVITO.

Mi invitas ĉiujn geskoltojn al kunlaboro, por verki libron pri nuna stato de esp. skolta movado. Jam ĝis nun mi kolektis grandan materialon Mi rememorigas, ke lasttempa termino de alsendmaterialo estas, limigita ĝis fino de la marto 1933. S. E. L.—agentoj memoru pri tio! Sendu tuj vian materialon!

E. MAYER, pola repr. de S.E.L.
Kraków, Lelewela 9.

Ni pripensu! Ĉu ni ne povos fari ion, ke en nia lando Esperanto estu enkondukata oficiale en skoltaj trupoj.

Ĉu ni devas atendi pli bonan okazon ol ĝi estas nun, por enkonduki Esperan on en loka skoltaro. Jen en preparoj por ĵamboreo oni devas atentigi pri Esperanto.

Kiom da plezuro ili havus parolante Esperanton, kies lernado kostas tiom malmulte da laboro! Kiom da impresoj ili kunportus hejmen, se ili kapablus vere interkonatiĝi kun siaj eksterlandaj fratoj! Per Esperanto la skolta movado fariĝos ankoraŭ pli internacie fruktodona.

Kial tutmonda skoltaro ne uzas Esperanton! Kaj kun progresa tutmondo civilizacio ne iras kune?

La skolta familio bezonas lingvon por ke ĝiaj membroj interkonatiĝu: Jen Esperanto

Pere de Esperanto ĉiuj skoltoj sur la tuta tergl bo kunigos konsente siajn brakojn, ĉar plej grava d igilo-lingva malfacileco pere de Esperanto estos forigita

### ALVOKO.

Ankaŭ el tiu ĉi gazeto mi alvokas la naciajn agentojn kaj reprezentantojn de Skolta E. Ligo, kaj ankaŭ aliajn diversnaciajn skoltojn, ke ili sendu siajn *fotojn* (laŭeble sur kiu ili estas solaj kaj en skolta vesto!) por krei en Budapest foto-galerion de diversnaciaj esperantistaj skoltoj. Ni deziras uzi ilin por ekspozicia propagando kaj dum la ĵamboreo.

P. Balkanyi, hungara repr. de SEL, Budapest, 507

---

dormsignadojn donos la tendarestraro. En la rivereton (tra la reĝa parko) oni ne licas enversi ian malpuran akvon aŭ malpuraĵon.

Fajro estas bruligebla nur en la destinitaj lokoj. Se estos fajro-alarmo, ĉiu trupo kolektiĝas en sia tendaro kaj atendas pluajn ordonojn.

La tranĉo de herbej-brikoj en la parkoj estas nur por nepra neceso permesata. La detranĉo de branĉoj, arboj, floroj kaj plantaĵoj estas malpermasata. En la arbaro oni povas kun permeso de la subtendarestraroj eligi arbojn, kiuj malhelpas la tendo-starigon.—

Pafilo ne estas portebla en la tendaro kaj ĝia uzado eĉ ekster la tendaro ne estas permesata.

Inter la trupoj ĉiaspeca militludo en la tendaro estas malpermesita.

La ludojn, kiuj povas danĝerigi aliajn (kiel ĵetado de diversaj ludiloj, disko bumerango, pafado, kt. p.) estas permesata nur sur la prezentada placo kaj nur post aranĝo de necesaj ŝirmaj ordonoj.

Por sin-lavado estas akvokondukiloj kaj tuboj, sed oni devas ŝpari kun la akvo. Kranon ne lasu malfermite! Ĉia akcidento kaj malordo estu tuj anoncata al la plej proksima tendara policisto (skolto).

*VESTADO*: ĝis 14.30 h laŭ plaĉa, poste-kaj ekstertendaro ĉiam nur la laŭregula, plena skoltvesto.

Naciaj vestaĵoj estas permesataj en prezentadoj, teatro kaj tendarfajro.

Inter 22-kaj matena 6 h oni povas resti ekster la ten daro nur kun permeso de la subtendarestraro.

La publiko povas nur post 15 h eniri.

Tendarordono aperos ĉiutage. Ĉiu trupo devas legi la ordonon.

En la truptendaro okazu laŭregula trupservado.

*POSTADRESO*: ». . . . (nomo) . . . . skolto, Gö döllö, Hungarujo. Jamboreo« ». . (N-ro . . . . subtendaro-altâbor.«

Dum la tendaro aperos ĉiutage *Tendara Gazeto*« en la ĉefaj lingvoj. (Skribu jam antaŭe al la ĵamborea komitato, se vi deziras ke ankaŭ Esperanto parto enestu! la Gazetara Servo donos la artikolojn, sciigojn al ĉiuj ĵurnaloj, gazetoj, gvidos la gastĵurnalistojn, donos lokon por tiuj, kiuj sendos al hejmaj ĵurnaloj kun skribmaŝinoj, ktp.—

*GVIDADO*: La eksterlandanoj povos rigardi la vidindaĵojn de Budapest gvidata de bone instruitaj skoltoj, kiuj en fremdaj lignvoj klarigos ĉion. Trupoj, kiuj deziras, ricevos gvidanton en *Esperanto*. Tion povas utiligi ankaŭ trupoj, kiuj havas nur unu esperantiston en la trupo, ĉar tiam tiu en propra nacia lingvo interpretos la klarigojn de la esperantista skolto.

Se esp. skoltinoj venos al la ĵamboreo, ili skribu jam nun al hungara skoltina asocio kaj proponu, ke ankaŭ tie kelkaj lernu Esp. por povu gvidi ilin!

Hungara Generala Kreditbanko estos oficiala banko de la ĵamboreo Per la korespondantoj de la banko en la tuta mondo vi povas sendigi monon. La banko eldonis belan prospekton en Esperanto. Postulu! Budapest V, Dorottya-u 5.

(Se vi komunikas tiujn ĉi punktojn, nepre meniu, ke ili estas nur resumo de la ĉefaj punktoj el la ĵamborea regular-projekto, la definitiva aperos antaŭ la ĵamboreo. Aldonu, ke vi tradukis el Esperanto!).

(Red.

## NIA LETERKESTO.

S-roj A Neuzil (Ĉeĥoslovakio), L. Spierer (Hungario), W. St. Sonnenberg - Federowski (U. S. S. R. M. Berkeley (Anglio), F. Watzinger (Aŭstrio), J. Bonmariage (Belglando).— Redakcio volonte akceptos Viajn proponojn. Bonvolu do regule sendi Vian materialon. Dankon — S-roj G. Badash (Newcasthe-On-Tyne), S. W. Lindsey (London) (Anglio) Ni tre dankas Vin pro senditaj gratuloj, kaj fervorigas nin al plua laboro je la eldonado de la gazeto.

S-ro K. Joost [Estonio]. Sendu egalvaloron de 2'50 sv. fr. Se vi nepre deziras kelkajn num. de J. S. do ni volonte sendos ilin al Vi. Sendu materialon! Ge-anoj S. Maljacki (Latvio), R. Minn, F. Volmüller J Simson [Estonio], J. Mraz, M. Lewisch [Aŭstrio] — Respondon serĉu sub »Al ĉiuj niaj amikoj«. S-roj J. Willering, A. C Ingen (Nederlando), L, Firiczky [Jugoslavio], J. Pavlackij [Ĉeĥoslovakio], E. Grundmann, G. Dawid, Dr. R. Müller, L. Thalmaier, H. Müller, Prefekto Kiessner, [Germanio] J. E. de Nro 1 ni sendis al Vi laŭ Via deziro. S-ro B. Munke (Drezden) Germanio — N-roj 1, jam elĉerpiĝis, tamen ni sendas al Vi saman kvanton da 2-a J. E. Gratulon! Sendu raporton pri Via grupo. Ni estas tre kontentaj, ke J. E. plaĉas al Vi.

S-ro F. Faulhalber Nederlando). Tre volonte ni interŝanĝos J. E. kun Via gazeto. Jen redakcia kutimo estas tion fari, nur la nemultnombaj gazetoj ne zorgas tion. S-ro Inĝ. P. Tarnow [Germanio]. — Koran dankon monon ni ricevis en formo de U. E. A. respondkupono samtempe ni sciigas Vin, ke transsendado da mono inter Pollando kaj Germanio estas renovigitaj depost 1-a de marto 1933. do efektive, ke antaŭ ĉi-tiu dato, poŝto rifuzis akcepton da mono por sendi ĝin Pollanden J S. ĉesis aperi de II-a Nr. 32 S-anoj M. Kostin, K. M. Kolobaŝkin. K. Ĉencov, P. Surĵanenko [U. S S R.] responpon serĉu sub: »Al ĉiuj niaj amikoj«. S-ro Oberrotman [Pollando]. Koran dankon por viaj gratuloj. Vian demandon ni plenumos. Saluton. S-ro A. Leicht (Germanio]. Tralegu duan paĝon, tie vi trovos respondon: 1/4 anonco-prezo en J. E. kostas 2. us. dolar. S-ro A. Jankowski [Pollando]. — Librokatalogon ni sendis al Vi. Nia eldonejo abonperas por aliaj gazetoj, por abonantoj de J E. sen plua alpago. Bonvolu ĉiam alligi poŝtmarkon. S-ro St Patsuris /S. E L. agento por Greklando], Gratulojn ni ricevis — dankon. Ni atendas Vian materialon. — Estu preta! S-ro Rog Amedeo Cimini [Italujo] J. E. ni sendis al Vi, ĉu esp. junular-movado bone prosperas en Via loko? S-ro Prof. M. S, (Bydgoszcz). Dankon je Via afableco. Sendu tamen laŭeble specialan art. por J E Sciigu ankaŭ pri ĉiuj gravaj okazintaĵoj en via loko. Korplene Via. S ro Chungmo Lee (Koreo). Vian materialon ni ricevis. Sampoŝte ni sendas Vin korekton de ĝi. Sendu Vian foton Kun vialanda skolt-estraro ni interrilatis Instigu ilin al enkonduko de Esp. en skolt rondoj. Premante vian maldekstran manon restas skoltfrate via pola S. E. L. del. J. S. plu ne aperis (ĝis 2-a N-ro 1932) tiun ĉi manklokon anstataŭas nia revuo. S-ro K. Czarnecki (Pollando). Ni povas liveri al Vi »Lernbuch de Esb. Sprache» (Borel) Sendu 1'50 zł. Abonprezon ni ricevis. Dankon. S-ro J. Lesiak (Belgio) Estis por ni tre agrable ricevi vian poŝtkarteton. Vera surprizo! Numeron de J. E. ni sendis al Vi. Priskribu ion. Ge-anoj M. A. Bodereau Grupo «Verda Stelo« — Le Mans (Sarthe), G. Schramm (Germanio) Laŭ Via deziro, ni sendis al Vi J. E. (L. Turno) Dr. L. Dreher, Kraków- Starowiślna 37. P. K. O. 405 716. S-ro A. Markiewicz (Pollando).— Kurson. Vi povas gvidi laŭ lernolibro (Turno). Korespondan kursan gvidas: »Pola Studenta Esperantista Societo« — Warszawa, ul. Leszno 99 m 5, aŭ »Laboro«, Warszawa Miasto - Ogród Czerniaków, ul. Zaciszna 2 m. 5. Nacia Gazeto: »Pola Esperantisto«, Kraków, Lubicz 34. Internacia semajna gazeto »sendependa« «Heroldo de Esperanto« Brüsseler Str. 94, Köln [Germanio]. Petu provnumeron.

Petante informojn de nia eldonejo, bonvolu ĉiam aligi poŝtmarkon [respondkuponon]. Alie ni ne povas respondi.

## HUMORO.

FABELO: »LA NIGRA MANO«.

»Lunde matene sinjoro Petro trarigardante la ĉiutagan sendaĵojn kaj leterojn ekvidis unu negrandan koverton kun nigra randaĵo. En koverto li trovis karteton kun vortoj »Evitu la Nigran Manon». Eksvitita de timo s-ro Petro ekkuris rapide al policejo kun letero. Sinjoro komisario prolegis s-ro Petro,— helpu min en danĝero – la fripono sciigante, ke mi havas monon eldevigus ĝin de mi —

Mi sendos al vi agenton por gardi vian loĝejon, respondis policestro kaj s-ro Petro revenis hejmen.

La sekvantan tagon s-ro Petro ricevis la saman leteron »Evitu la nigran manon«. —

Granda skandalo kriis s-ro Petro. La polico gardas min kaj fripono ne timas ĝin.

De tri tagoj ricevadis s-ro Petro la samajn leterojn. La kvaran tagon alvenis letero sed jam kun aldono »Morgaŭ la lasta antaŭsciigo«. Petro pala de timo ne ue dormis la tutan nokton. Matene venis la leterportisto liverante denove la saman leteron. S-ro Petro per tremantaj manoj malfermis koverton kaj rapide eklegante karton ekriis subite kiel frenezulo. Sur la karto estis skribite: »Lastafoje ni antaŭsciigis vin »evitu la nigran manon« — La nigra mano kompromitas vin en via rondo. Se vi ne volas havi nigran manon lavu vin nur per blanka sapo, la blanka sapo, la unika kosmetikaĵo neĝe blankiganta vian haŭton estas ĉie aĉetebla».—

Stanisław Hebdowski
Kraków

## KORESPONDADO:

(Anoncetoj ĝis 20 vortoj kostas 0.50 fr. sv. (1 zł.). Niaj abonantoj rajtas enpresigi unufojan anoncon senpage.

*Hungarujo:* Emeriko Hovesi, Szentes pysacs 17.

*Hungarujo:* Józef Nagy, Szentes Soós. 30.

Svedujo. 15-25-jaraj junuloj deziras korespondi kun eksterlandaj gesamideanoj. Ĉiuj temoj Certe respondos. Esperantogrupo, Folkskoleseminariet Göteborg.

Pollando. S-ro Aschenbrenner Edward — Kraków, Dworzec — deziras korespondadi kun samlandaninoj. Nepre respondas.

*Norvegujo:* Du junaj semideaninoj deziras korespondadi perletere. Astrid Egström, Gabelsgate II. IV., Oslo.

Redaktor odpowiedzialny i wydawca: Emil Mayer. Drukarnia »REKORD«, Kraków Lenartowicza 6.